# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aprilo 2012
n-ro 114



- *Google translate* uzas Esperanton
- 10a kongreso de kroataj esperantistoj junie en Koprivnica
- Jubilea jaro de Tibor Sekelj 2012
- Konferenco pri Eŭropa Unio en Triesto

# Karaj legantoj!

Jen nia unua numero por la jaro 2012! Unue malbona informo: bedaŭrinde, pro reduktitaj financaj rimedoj, Ministerio pri kulturo draste limigis niajn financojn por la jaro 2012 kaj ni devos ĉesigi multajn niajn aktivecojn kaj modifi la postenon de la konstanta sekretario en la oficejo mem. Vi scios pli da detaloj en la venonta numero.

**Kroatio** per referendumo okazinta la 22an de januaro 2012 fariĝis la 28a ŝtato de **Eŭropa Unio**. La oficialigo ekvalidos tamen nur en julio 2013, ĝis kiam ĉiuj landoj-membroj devas ratifi la kontrakton pri la aliĝo.

Nia kara **Tempo** troviĝas en la trideka jaro de sia aperado! Fondita en la jaro 1980 ĝi ne povis aperi en la militaj jaroj 1993 kaj 1994. En la ceteraj jaroj ĝi estas kun ni! Ni dankas al Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio kiu subtenas nian revuon ankaŭ en la malfacila jaro 2012. Subtenon de la Ministerio ricevis interalie prezento de la vjetnama traduko de **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić** en **Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo** kaj **Renkontiĝo de verkistoj en Hraščina.**



*Anto Mlinar gvidas kunsidon de Kontrola komitato en 2012.* Fotis S. Štimec

Malfacilas por ni la jaro 2012. Post 66 jaroj da aktivado ni agas sen **Esperanto-Societo Bude Borjan**. Ni vivas niajn unuajn monatojn sen nia kara aktorino **Vida Jerman**, pri kiu ĉi-numere verkas **Julia 'Sigmond, Faruk Islamović** kaj **Vlado Jurković**. La ŝataton foton de **Vida Jerman** el la familia kolekto disponigis al ni la filino de Vida, **Tamara Čizmić**. Ŝia nepino **Ana Čizmić** grafike aranĝis la foton.

En februaro ni perdis per aŭto-akcidento talentan studentinon pri filozofio **Stephanie Strunjak**, pereinta sur la glita aŭtovojo kun sia amiko **Ivan**. Ni memoras pri Stephanie per ŝia finnlande premiita fabelo **Neĝreĝino**. (Pri Stephanie intervjuis nin gazeto **24 sata**).

Kio okazis lastatempe?

**D-ro Velimir Piškorec** fariĝinte vic-redaktoro, ampleksigis sian laboron en Filozofia fakultato kaj devis provizore ĉesigi sian instruadon de Esperanto en **Universitato de Zagrebo**. Li transprenis ankaŭ agadon en **Komisiono pri direktado de kvalito de instruado en Filozofia fakultato**.

Bone progresas preparoj pri la 10a kongreso de kroataj esperantistoj en Koprivnica, kiujn prizorgas **Josip Pleadin** kun la LKK.

**Hrvoje Jerković**, studento pri sociologio verkas sian diplomlaboraĵon pri la temo **Lingvo kiel identigilo de persono kaj komunumo – akcento sur Esperanto.** **Mihovil Gotal**, studento pri sociologio, verkis sian seminarian laboraĵon pri la temo **Esperanto en la fako pri sociologio**.

Por la naskiĝtago de **Tibor Sekelj** la 14an de februaro **Esperanto-Societo** en **Maribor** invitis **Spomenka Štimec** al la omaĝfesto okaze de la 100 datreveno de naskiĝo en la bela ejo de urbodomo **Maribor**.

**D-ro Zlatko Hinšt** kun **Bojana Đuričić** finis grandan laboron de inventarado de niaj posedaĵoj. **Esperanto-Societo Liberiga Stelo** el **Osijek** konkursis ĉe **Kroata Poŝto** kaj gajnis 200 senpagajn kovertojn per kiuj ni kontaktis vin kaj invitis al kunlaboro kaj rekotizo en 2012. Konsciu ke ĉiu via kotizo fortigas nian asocion!

**Davor Grgat** el **Dugi Rat** ricevis personan premion de **Komunumo Dugi Rat** por siaj diversflankaj sociaj meritoj, inter kiuj tre grava estas la agado por Esperanto.

**Ivica Šćepanović – Truto** sur la insulo **Brač** transprenis peradon de **Sennacieca Asocio Tutmonda** dum **Tomislav Divjak** el **Zagrebo** peras pri **Pasporta Servo**.

**Vukašin Dimitrijević** en **Split** finis sian ampleksan verkon publikigita en 17 daŭrigoj en la kluba bulteno kaj transdonis la taskon al la nova redaktoro **Etel Zavadlav**.

**Srećko Radulović** kaj **Josip Pleadin** gastis en **TV-net** la 14an de januaro dum 25-minuta elsendo pri Esperanto.

**Spomenka Štimec** realigis du artikolojn en la revuo **Globus**, (la 21an de januaro kaj la 30an de marto) kaj plian en la virina revuo **Gloria**, la 5an de aprilo 2012. Ĉiuj donis okazon mencii Esperanton. Aparte riĉe traktis la temon **Tibor Sekelj** la marta felietono en **Globus**. **Kroata televido** filmis en la ejo de KEL la 10an de aprilo elsendon pri **Tibor Sekelj**. Al la libroekspozicio de la verkoj de **Tibor Sekelj** kontribuis **Josip Kušec**. La TV-elsendo raportos ankaŭ pri la objektoj donacitaj de **Tibor Sekelj** al la **Etnografia muzeo** en **Zagreb**. La elsendo estas planata por majo, kadre de la programo de Scienca redakcio. La Etnografia muzeo preparas ekspozicion pri **Tibor Sekelj** por aŭtuno.

**Đivo Pulitika** kaj **Tina Tišljar** gastis en radio elsendo de **Radio student Bez para do Zanzibara** la 29an de marto,

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIX, numero 114 (1/2012), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija, Krapina.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Mikaelo Bronŝtejn, Ana Čizmić, Tamara Čizmić, Miro Gavran, Gradski ured za strategijsko planiranje i razvoj Grada, Željko Gubijan, Faruk Islamović, Marija Jerković, Vida Jerman, Vlado Jurković, Davor Klobučar, Koillissanomat, Romana Kunej, Josip Pleadin, Vjekoslav Morankić, Zdravka Metz, Julia Sigmond, Stephanie Strunjak, Dalibor Šeatović, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar, Mirna Žeželj. - **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin.
**Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo**: 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# ADIAŬ AL KROATA AKTORINO VIDA JERMAN



## VIDA ESTIS UNIKA EN LA MONDO

La tero malriĉiĝis je unu anĝelo. Multaj homoj konis, amis kaj estimis ŝin. Ankaŭ mi. Multajn geamikojn mi havas, el kiuj, bedaŭrinde, jam multaj forlasis la teron. Ŝi estis la plej talenta aktorino, kiun mi konis, amis kaj estimis.

Plurfoje mi havis bonŝancon spekti kaj ĝui ŝiajn brilajn prezentaĵojn dum Universalaj Kongresoj. Laŭ mi, la plej bonega estis la teatraĵo **La plej longa tago de Maria Theresia** de **Miro Gavran**, prezentita dum la 86-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo.

Vida estis perfekta! Ŝi ne ludis, sed vivis la rolon de la reĝino.

Kaj ŝi ricevis meritantan sukceson.

Mi petis ŝin - kiel multajn esperantistajn geamikojn kaj legantojn de **BAZARO** - respondi al demando: **Kiam mi estis la plej feliĉa en la vivo?** Ankaŭ ŝi afable respondis. Nun mi por la legantoj de **Tempo** represas ŝian respondon el la rumana revuo **BAZARO**

***Julia Sigmond***

respektive la 26an de aprilo 2012.

**Judita Rey Hudeček** estis intervjuita la 7an de aprilo 2012 de **Kroata radio - Radio Sljeme** pri siaj makedonaj kaj esperantaj aktivecoj.

Sesdeko da homoj renkontiĝis la 23an de marto por omaĝi al la centa jubilao de **Tibor Sekelj** en **ZgForum** en Gajeva str. kaj por lanĉi la korean eldonon de la libro **Kumeŭaŭa – la filo de la ĝangalo**. Koree voĉlegis **Nara Han**, kroate **Đivo Pulitika**.

**Anto Čančar** invitas al la unuajama renkontiĝo en **Biograd sur maro**.

Kroataj esperantistoj **Josip Pleadin, Judita Rey Hudeček, Ivan Špoljarec** kaj **Zlatko Tišljar** partoprenos en majo en **Subotica** ĉe la **Ronda Tablo pri Tibor Sekelj** okaze de la centa jubileo. Al la temo de **Tibor Sekelj** rilatos **Meteorita festo** en **Hrašćina** la 26an de majo 2012.

Novfondita **Esperanto-Societo Petrinja** sukcese registris sian statuton.

En **Rijeka** dum la elekta jarkunveno estis elektita nova juna prezidantino **Nataša Batistić**. La societo preparas sin por la maja scikonkurso pri la **Pokalo Kostrena** okazonta de la 18a ĝis la 20a de majo 2012.

Prezidantaro de **Kroata Esperanto-Ligo** kunsidis la 28an de marto 2012 kaj kunsidos la 9an de majo 2012.

**La jarkunveno de Kroata Esperanto-Ligo okazos en Koprivnica la 22an de junio 2012**. Al ĉiu konstanta membro de la asembleo KEL pagas veturkostojn por la Jarkunveno en Koprivnica. Bonvolu informi la oficejon de KEL kiomaj estos viaj veturkostoj ĝis Koprivnica, por ke nia kasisto preparu vian vojaĝmonon.

Ĝis la baldaŭa revido en Koprivnica!

***Spomenka Štimec***

## LA TAGO KIAM MI ESTIS LA PLEJ FELIĈA

Feliĉo por mi signifas feliĉigi la aliajn. Tio estas mia vivomoto. La veran signifon de la feliĉo mi elkovris kiam mi esperantiĝis. Dank' al Esperanto kaj mia profesio mi havas tiun honoron doni al la homaro plezuron de komunaĵo. La teatra arto interalie havas noblan mision, pro tio jam dum multaj jaroj mi sentas la devon ludi esperantlingve.

Mi partoprenis multajn Universalajn Kongresojn kaj aliajn esperantlingvajn aranĝoj aktorinte esperantlingve. Ĉiam post la prezento por nia tutmonda publiko mi diras al mi mem: *Indis ludi por parteto da homaro!*

La pinto de miaj sukcesplenaj prezentoj sur la esperantlingva scenejo sendube estis la monda premiero de la teatraĵo **La plej longa tago de Maria Theresia** de **Miro Gavran** en **Kroata Nacia Teatro** en **Zagrebo** dum la 86-a Universala Kongreso 2001. Mi devas konfesi, ke la 26-an de julio 2001 estis unu el la plej feliĉaj tagoj de mia vivo. (La saman daton naskiĝis mia filino.)

Ludi en sia lando, en plenplena **Nacia Teatro**, ricevi ovacion de internacia publiko - tiaj momentoj okazas ne multfoje en la vivo de artisto. Tiuvespere mi sentis, ke mi ĉirkaŭprenis la tutan mondon.

Aparte mi fieras pro la laŭdvortoj de s-ro Humphrey Tonkin, iama prezidanto de UEA, membro de la nuna estraro kaj reĝisoro de la kongresa temo, kiu sursceneje transdonis al mi la libron de Marko Polo "La libro de mirindaĵoj aŭ priskribo de la mondo" kun la jena dediĉo:

"Al Vida Jerman, kolono de la Esperanto-teatro, brila kontribuanto al la 86-a UK en Zagrebo, kun admiro kaj dankoj de la estraro de UEA". La tekston skribis s-ro Renato Corsetti, nova prezidanto de UEA kaj subskribis ĉiuj anoj de la estraro de UEA.

La deklaro de Julia Sigmond, redaktorino de **BAZARO**, por **Kroata Televido** pri mia ludado de **Maria Theresia** estis por mi la plej bela komplimento, kiun mi iam ricevis. Ŝi diris: *Vida Jerman estas unika en la mondo!*

Mi dankas al ĉiuj, kiuj esprimis siajn opiniojn pri mia Esperanta teatra arto kaj mi daŭre strebas al la celo feliĉigi la tutmondan esperantistaron per novaj teatraĵoj.

***Vida Jerman***

VIDA JERMAN KAJ ESPERANTLINGVAJ RADIO-ELSENDOJ

# ESPERANTO IAM ESTIS EN RADIO-ZAGREB

Dudek jaroj pasis de kiam **Radio Zagreb** ĉesis elsendi sian programon en Esperanto.

En la jaro 1953 okazis **Universala Esperanto-Kongreso** en **Zagrebo**. La 25an de majo tiujare la tiama **Radio-Zagreb** komencis sendi dekkvin-minutan programon en Esperanto ĉiujaŭde je la 23a horo vespere. La programoj daŭris ĝis la jaro 1992. Grupo de esperantistoj preparis la programon dum 39 jaroj! Pluraj membroj de la redakcio jam mortis. Mi nun adiaŭas de la aktorino kaj esperantistino **Vida Jerman**, la persono kiu laboris en la **Esperanta redakcio** ĝis la lasta elsendo. Ŝi mortis la 10an de decembro 2011.

Mi konis ŝin tre bone de ŝia juneco kaj precipe post la jaro 1973 kiam ŝi eniris nian Esperantan rondon. Ŝi estis scivola pri Esperanto kaj volis rapide lerni la lingvon. Ofte ŝi aktoris en diversaj radioprogramoj. Mi estis teknikisto en la radio. Foje ŝi enrigardis en teknikan redakcion por vidi kiel oni preparas raportojn per esperantlingvaj materialoj:

*Mi ŝatus ellerni Esperanton. Eble iam mi estos parolistino en la esperantlingva redakcio.*

*Ni atendos vin.*

Ne pasis multaj jaroj. Tiu ŝia deziro plenumiĝis en 1981.

Unu el niaj parolistinoj foriris. Mi proponis al miaj kolegoj inviti, ekzemple, la konatan aktorinon Vida Jerman fariĝi membro de nia teamo. Ŝia prononco de la kroata estas senmanka. Certe ŝi sukcesus esti bona parolistino en Esperanto.

La redakcianoj kontrolis ĉu ŝi bone parolas Esperanton kaj povis konstati ke ŝi jam aktoras en Esperanto.

Oni konsentis ke mi alvoku ŝin.

Ŝi alvenis tiun vesperon, ni surbendigis la programon jam preta por elsendo. Mankis nur la parolisto. Ŝi alvenis precize je la 20a horo. Ni petis ke ŝi prove surbendigu kelkajn frazojn per la surbendigilo. Vida estis tre bona anoncistino kun specifa, iom raŭka voĉo. Ŝia elparolo estis senmanka.

Ŝi laboris en nia redakcio ĝis la lasta elsendo. Estis **Vida Jerman** kiu diris la lastan mesaĝon de la elsendo, la 25an de julio 1992.

*Karaj aŭskultantoj, vi aŭdis la lastan programon en Esperanto, kian vi aŭskultadis dum 39 jaroj. Ĝis. Bonan nokton.*

Poste kiam **Radio Zagreb** finis esperantlingvajn elsendojn, ofte mi parolis kun Vida.

*Vlado, ĉu ne estas iel eble daŭrigi Esperantan elsendon? Oni ŝanĝis la direktoraron de la Radio, la nova estas pli kulturema, eble nun estas ŝanco rehavigi Esperantajn elsendojn?*

*Ni devas organizi tri aŭ kvar esperantistojn, elekti prezidanton, peti la estraron de la Kroata Radio denove enkonduki Esperantajn elsendojn.*

*Ĉu iu faris tion? Mi ne scias. Mi ne scias ĉu ekzistas esperantistoj kiuj pretas ĉiun semajnon prepari la materialojn por la elsendo. Ne estas konate ĉu la laboro kiun la grupo faros dum la monato ricevos pagon?*

*Mi estas pensiulino, mi ne devas ricevi monon de esperantlingvaj elsendoj. Ĉu la aliaj pretus labori sen financoj?*

**Vida Jerman** estis estrarano de **Kroata Esperanto-Ligo**. Ŝiaj taskoj en la estraro estis teatro kaj amaskomunikiloj. Ŝian grandan deziron – revivigi la radio-elsendojn ŝi ne sukcesis realigi.

Dankon al **Vida Jerman** pro ĉio farita por la Esperanto-Movado. Ŝia nomo estu enskribita en la historion de Esperanto.

*Vlado Jurković*

# KOMPUTILA SERVO GOOGLE-TRANSLATE EKUZIS ESPERANTON!

Pluraj tradukistoj revis: se iel eblus lasi la tradukon sur la tablo kaj revenante – jam trovi ĝin magie transformita en alian lingvon. Post tiom da penado en la homa civilizo, jen la magiaĵo realiĝas. Aŭtomata tradukado en la lastaj jardekoj iom post iom fariĝs realaĵo. Tion ebligis pluraj teamoj el diversaj landoj. Kaj la eblecon tradukadi ili donis malavare al ĉiuj pere de Interreto. Por esperantistoj estas interesa la senpaga aŭtomata tradukado proponata al ni fare de la kompanio Google per ĝia programo **Google translate**.

Ĉu eblas maŝine traduki inter miloj da lingvoj? Nu, ne eblas traduki inter multaj lingvoj. Komence de la jaro 2012 la aŭtomata tradukado eblis nur por elektitaj 63 lingvoj. El kaj al sesdektri lingvoj – tiu fakto jam forte impresis nin. Kroatoj tre ĝojas, ke inter tiuj 63 troviĝas ankaŭ la kroata. **Sed ni esperantistoj aparte ĝojas, ke ekde la marto 2012 Google inkluzivis Esperanton kiel la 64an lingvon per kiuj eblas aŭtomata tradukado.** Ĝis nun nia verda lingvo nenie havis tian eblecon! Kiel eblas? Eblas. Granda laboro kuŝas malantaŭ tiu laboro. Efektivigis ĝin al ni nekonataj sciencistoj, dungitoj de la kompanio Google .

**Esperanto, unu el la lingvoj de Google-tradukado!** Tiun informon ni devos en estonto nepre prezenti kiam ni informos pri Esperanto.

Kiel vi povus uzi tiun tradukservon? Vi povas legi per via TTT-legilo iun ajn paĝon en Interreto kaj per unu mus-klako ordoni, ke la legilo prezentu la tutan paĝon en Esperanto. Aŭ, se la paĝo jam estas en Esperanto, iu neesperantisto povas tuj traduki la paĝon al la kroata. Kiel efektive tion fari? Dependas de via legilo (Internet Explorer, Mozila Firefox ktp.). Ne eblas ĉi tie doni detalajn instrukciojn, demandu viajn amikojn aŭ serĉu informojn en Guglo.

Sed ne necesas, ke vi tradukadu nur la jam pretajn paĝon. Vi povas uzi la adreson http://translate.google.com kaj tie entajpi iun ajn tekston (kroate, esperante, angle, hispane ktp.), elekti la cellingvon (la kroata, angla, germana, Esperanto ktp.) kaj per unu mus-klako ordoni, ke aperu la traduko. Ne forgesu, jam delonge tio eblas por aliaj lingvoj, sed de nun ankaŭ Esperanto staras en tiu fiera vico!

Ĉu la tradukado funkcias senmanke? Ankoraŭ ne. Sed la komputilo kapablas en ege mallonga tempo, tujtuje, proponi la malnetan version de la traduko. Necesas homa tradukanto, kiu estas bona konanto de la cellingvo. Li bonŝance devas ne denove tajpi la tradukon, sed nur kontroli kaj fajnpoluri ĝin. Kaj se vi uzas la tradukilon ne por publikigi la rezulton, sed nur por kompreni pri kio temas en la originala teksto, tiam vi povas esti sufiĉe kontenta ankaŭ sen interveno de tia fakulo!

Jen ekzemplo de kelkaj esperantaj frazoj kun ilia aŭtomata kroata Guglo-traduko:

Marko estas mia amiko → Mark je moj prijatelj.
Li estas lernanto kaj sportisto. → On je učenik i sportaš.
Li nun sidas en ĉambro kaj lernas. → On sada sjedi u sobi i učiti.
Li rigardas la belajn okulojn de Ana. → Gleda na prekrasnim očima Ane.
Mi vidas, ke li amas ŝin. → Vidim da ju voli.
En la mondon venis nova sento. → U svijetu je došao novi osjećaj.
Kie estas urboplaco kaj palaco? → Gdje je urboplaco i palača?
Kie estas la urba placo kaj palaco? → Gdje je gradski trg i palača?

La lingvo de Zamenhof ricevis en sia 125a naskiĝjaro 2012 mirindan donacon.

Aŭ gugle: " Jezik Zamenhof primio u svojoj 125A rođenja 2012 prekrasan poklon".

*Spomenka Štimec/ Davor Klobučar*

# OMAĜO AL TIBOR SEKELJ (1912 – 2012)

**Eŭropa Esperanto-Unio** proklamis la jaron 2012 la **jaro de Tibor Sekelj.**

Ni honoris lin en **Maribor** cent jarojn post la tago de lia naskiĝo, la 14an de februaro 2012 en la urbo-domo, per programo organizita de **Esperanto-Societo Maribor**. Pri **Tibor Sekelj** prelegis **Zlatko Tišljar** kaj **Spomenka Štimec. Esperanto-Societo Maribor** preparas en la jubilea jaro la slovenan eldonon de la verko **Kumeŭaŭa – la filo de la ĝangalo**.

En la zagreba novmalfermita urba oficejo kiu nomiĝas **Gradski ured za strategijsko planiranje i razvoj Grada / ZGForum** okazis la 23an de marto 2012 omaĝprogramo pri **Tibor Sekelj** gvidita de **Judita Rey Hudeček** kaj **Spomenka Štimec**. Dum la programo estis prezentita novaperinta korea traduko de lia romano **Kumeŭaŭa – la filo de la ĝangalo**, ĵus alveninta el **Seŭlo**. La libro estas eldonita ĉe la eldonejo **Sicheon Munhak** en **Seŭlo**. La korean tradukon de **Kumeŭaŭa** prizorgis **JANG Jeong-Ryeol**. La fragmentojn en la korea legis zagreba koreanino **Nara Han**, el la korea ambasadejo. La kroatajn fragmentojn prezentis **Divo Pultika**. **Neven Mrzlečki** muzikis kaj kantis honore al la verkisto kaj esploristo kiu estis zagrebano de 1929 - 1939. Tie li lernis Esperanton, kiu poste fariĝis lia plej signifa esprimilo.

Kursanoj en la progresiga Esperanto-kurso de **KEL**, **Josip Kušec, Milka Đukić, Danira Grgec** kaj **Tihana Mikša** preparis por la kroatlingva enciklopedio vikipedio grandan artikolon pri **Tibor Sekelj**, tradukinte artikolon el la esperantlingva vikipedio, kunlabore kun **Spomenka Štimec** kaj **Davor Klobučar**.

La venonta festaranĝo en la jubilea jaro okazos en **Subotica**, la urbo kie estas la tombo de **Tibor Sekelj**, de la 18a ĝis la 20a de majo 2012.

Sekvos la programo de **Zlatko Tišljar** en **Irlando** dum la **Eŭropa Esperanto-Kongreso**. Li prelegos ankaŭ dum la **Meteorita festo** en **Hrašćina** la 26an de majo 2012.

**Spomenka Štimec** prelegos pri li en **Somera Esperanto-Kursaro** en **Teksaso** en junio.

**Universala Esperanto-Kongreso** en **Hanojo** en **Vjetnamio** ankaŭ memoros pri **Tibor Sekelj**.

Apartan aranĝon preparas esperantistoj en **Argentino**, kie li famiĝis diskoninte la montegon, kiam okazis katastrofo dum la ekspedicio de **Georg Link** en 1942. Menciindas ke montgrimpantoj de la kroata komunumo **Dubrovačko-neretvanska** konkeris **Akonkagvon** en 2012 por omaĝi al la ekspedicio.

*S. Štimec*

*Sur la fotoj:*
*1) Ensemblo Ezerki kantas en Esperanto omaĝe al Tibor Sekelj dum la programo en ZG Forum la 23an de marto (Fotis Romana Kunej por Gradski ured za strategijsko planiranje i razvoj Grada);*
*2) Korea eldono de "Kumeŭaŭa - la filo de la ĝangalo";*
*3) Karmen Lešnik legas fragmenton el la slovena traduko de Ivan Močnik.*









# BONVENON AL LA JUBILEA!

10
KONGRES HRVATSKIH ESPERANTISTA
KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ
KOPRIVNICA ★ 2012


*Hotelo "Podravina"*


*Koncertejo "Domoljub"*

## KONGRESA PROGRAMO

### VENDREDO, la 22-an de junio 2012
### Hotelo "Podravina", Hrvatske državnosti 9

- Ekde la **7h00** funkcios akceptejo en la Hotelo "Podravina"

- Ĝis la **9h30** - alveno de kongresanoj, transpreno de kongresaj materialoj, loĝigo

- **10h00 - 12h00** Jarkunveno de Kroata Esperanto-Ligo

- **12h30 - 13h30** Komuna tagmanĝo de la partoprenintoj de la jarkunveno

- **14h00 - 16h00** Vizito al Muzeo de nutrado (fondita de nutraĵindustrio "Podravka")

- **16h00 - 19h00** Diverstemaj prelegoj kaj libroprezentoj. Prelegantoj: **Zlatko Tišljar** (temo: Tibor Sekelj), **Ljubĉo Trifonĉovski** (temo: Episkopo Josip Štrosmajer kaj bulgaroj), **Tomasz Chmielik** (temo: Edmond Privat), **Stefan MacGill** (temo: Novaĵoj pri ILEI kaj Juna Amiko), **Zdravko Seleš** (prezento de nova libro "Ŝonĝoj kaj ombroj"), **Mićo Vrhovac** (prezento de "Mapo de naciaj minoritatoj en Respubliko Serba"), **Smail Grbo** (prezento de la libro "Azijski krug") kaj aliaj.

- **19h00 - 20h30** Koncerto de la itala kantisto Manŭel

- **20h30** - Amika vespero de kongresanoj kun la renkontiĝo de partoprenintoj de esperantistaj junularaj laborbrigadoj


*Muzeo de nutrado*

### SABATO, la 23-an de junio 2012
### Koncertejo "Domoljub", Starogradska 1

- **7h00** - Starto de speciala kongresa buso en Zagrebo (la loko poste difinota)

- **9h00** - Malfermo de la kongreso kaj kultura programo

- Himnoj kaj salutoj

- Kultur-arta societo Koprivnica prezentas sin

- Kaposvár salutas Koprivnicon! - transdono de oficiala letero de la urbestro de Kaposvár s-ro Károly Szita, al la urbestrino de Koprivnica s-ino Vesna Želježnjak

- Proklamo de la Premio Kalendulo kaj omaĝo al Vida Jerman

- **11h00** - Paŭzo por komuna fotado (antaŭ la kongresejo) kaj refreŝiĝo

- **12h00 - 12h30** - Saša Pilipović: kabareda programo "Posttagmezo kun Saša"

- **12h30** Memore al Esperanta poeto Đuro Rašan okaze de la 100-a datreveno de lia naskiĝo

- **12h40 - 13h25** - Neven Mrzlečki koncertas por vi

- **13h30** - Sisak anoncas kandidatiĝon por la venonta kongreso en 2013

- **13h40** - Eŭropa himno - okaze de la aliĝo de Kroatio al Eŭropa Unio

- **13h50** - Kongresanoj iras al la Hotelo "Podravina"

- **14h00 - 15h30** Komuna tagmanĝo por ĉiuj kongresanoj kaj gastoj en la Hotelo "Podravina"

- **15h30** - Alveno de busoj por ekskurso, enbusiĝo

- **16h00 - 17h30** - Solena inaŭguro de memortabulo al Ilija Puhalo en la vilaĝo Koprivnički Bregi, ekspozicio kaj kulturarta programeto, paroladoj

- **17h50 - 19h15** - Vizito al la vilaĝo Hlebine kaj la tiea Galerio de naiva arto

- **19h30** - Alveno al Đurđevac, libera ĝuo de la kultura kaj turisma manifestacio "Legendo pri Picoki": vizito al galerio de Ivan

Lacković Croata en la fortikaĵo; fakultativa vizito al etnografia kolekto Čamba

- **22h00** - Spektado de la spektaklo pri "Picoki" sur la ekstera scenejo; piroteknika spektaklo

- **24h00** - Reveno de la speciala kongresa buso al Zagrebo kaj de la ekskursaj busoj al Koprivnica


*Legendo pri "Picoki"*

## DIMANĈO, la 24-an de junio 2012

- **01h00** - Reveno en la hotelon, tranokto

- **10h00 - 12h00** - Ĝuado de la urbaj naĝbasenoj

- **12h00** Foriro de kongresanoj. Por interesiĝantoj: pikniko kun vizito al Dokumenta Esperanto-Centro en Đurđevac.

## SPECIALAJ PROGRAMOJ:

- Inter la 20-a kaj 30-a de junio viziteblos la libroekspozicio en la ĉefplacaj montrofenestroj de Urba biblioteko Koprivnica.

- Lanĉo de speciala filatela koverto kaj poŝta stampo kiu funkcios en la poŝtoficejo 48000 Koprivnica la 23-an de junio.

***La ĉi-supra programo estas nur provizora, sekve en ĝi povas okazi kelkaj ŝanĝoj. La definitiva programo aperos en la Kongresa libro, kiun ĉiuj kongresanoj ricevos post alveno al Koprivnica.***

# UTILAJ INFORMOJ

**ALIĜOJ**: Ĝis nun aliĝis 150 kongresanoj el Kroatio kaj 12 aliaj landoj. Post la 1-a de majo validas kongreskotizo de la tria aliĝperiodo: 150,00 kunaoj por membroj de KEL, 180,00 kunaoj por nemembroj de KEL, 75,00 kunaoj por kunuloj, junuloj (ĝis 25-jaraj) kaj handikapuloj, 24,00 eŭroj por eksterlandanoj. Akompanantoj de handikapuloj aliĝas senpage.

**PROGRAMO**: Konstante aktualigatan programon bonvolu vidi ĉe: ***http://www.ipernity.com/blog/213107/389733***

**LISTO DE KONGRESANOJ:**
***http://www.ipernity.com/blog/213107/352833***

**LOĜADO**: Bonvolu mendi la loĝadon pere de la LKK, ĉar ni atingis pli favorajn prezojn ol estas la kutimaj hotelprezoj: 186,00 kunaoj por loĝado en dulita ĉambro; 236,00 kunaj en unulita ĉambro (po persono kaj po nokto, inkluzivita matenmanĝo kaj turisma imposto).

**ĜIRKONTO POR KONGRESAJ PAGOJ:**
2360000-1102158381 (Dokumentacijski esperantski centar Đurđevac).

**KONTAKTO** kun la sekretario de la LKK:
***kroata.kongreso@gmail.com***
***Telefonoj: 048/811-266 kaj 098/248-574***

## SUMERA AMKANTO
*(verkita antaŭ 4000 jaroj)*

Nuptanto, kara al mia koro,
fortas via beleco, plejkarulo,
leono, kara al mia koro,
fortas via beleco, plejkarulo.

***

Vi ensorĉis min, lasu min
tremantan ekstari antaŭ vin.
Nuptanto, vi enkondukos min en la dormejon,
vi ensorĉis min, lasu min
tremantan ekstari antaŭ vin.
Nuptanto, lasu min karesi vin,
mia dolĉa karesado ol mielo pli dolĉas.
En dormejo mielplena
ni ĝuu en via forta beleco,
leono, lasu min karesi vin,
mia dolĉa karesado ol mielo pli dolĉas.

***

Nuptanto, vi satĝuis min,
al mia patrino diru tion,
ŝi donos al vi kukojn,
patro mia al vi donacojn donos.

Spiriton vian, mi scias kiel mi ĝojigos spiriton vian,
nuptanto, dormu en domo nia ĝis la aŭroro,
koron vian, mi scias kiel mi ĝojigos koron vian,
leono, dormu en domo nia ĝis la aŭroro.

Vi, ĉar vi amas min,
donacu al mi karesadon vian,
mastro mia dia, mastro-defendanto.

*Esperantigis Ivo Borovečki*

## VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 629. Sanja Damjanić | 3,99 eŭroj |
| 630. Karmen Crnković Vranko | 67,56 eŭroj |
| 631. Vida Jerman | 47,02 eŭroj |
| 632. Melanija Grgić | 58,51 eŭroj |
| 635. Zlatko Hinšt | 26,60 eŭroj |
| 636. Velimir Majdak | 11,97 eŭroj |
| 637. Tomo Plačković | 13,30 eŭroj |
| 638. Ranka Mraković | 18,62 eŭroj |
| 639. Davor Štimec | 18,62 eŭroj |
| 640. Zlata Nanić | 22,61 eŭroj |
| 641. Marta Živković | 2,66 eŭroj |
| 642. Olga Srkoč | 2,66 eŭroj |
| 643. Spomenka Štimec | 6,65 eŭroj |
| 644. Esperanto Societo Rijeka okaze de la forpaso de sia membro Damir Rak | 40,00 eŭroj |

| | |
|---|---|
| **Post decembro KEL kolektis:** | **340,77 eŭrojn.** |
| **Ekde la jaro 2003 KEL kolektis inter siaj membroj** | **27.271,44 eŭrojn.** |
| **Nia granda kredito reduktiĝis al** | **13.375,66 eŭrojn.** |

**Aliaj kreditoj:**

| | |
|---|---|
| **Kredito de Esperanto-Fondaĵo** | **17. 537,84 eŭroj.** |
| **Kredito de Esperanto-Societo Rijeka** | **2.464,15 eŭroj.** |

# NEĜA REĜINO

Lastjare vizitis nian urbon Zagrebon Avo Frosto el Finnlando. Ni hazarde renkontis lin sur la ĉefplaco. Li promenadis tie kaj jetadis monerojn en la fontanon Manduševac. Ni salutis lin kaj invitis lin viziti nian lernejon en la urboparto Retkovec. Bedaŭrinde, li estis tro okupata kaj ne povis akcepti nian inviton. Li eĉ diris ke li ne venos sola.

Pasis la tuta jaro. Kaj vere, kiam alvenis la vintro, iom antaŭ Kristanasko, Avo Frosto denove estis en Zagrebo. Kun li estis iu bela knabino vestita tute blanke. Ŝia nomo estis Neĝinjo, fakte ŝi envere estis la Neĝa Reĝino mem. Avo Frosto prezentis ŝin al ni en la flughaveno kaj tuj li forrapidis por disdoni la donacojn al la infanoj. Neĝinjo kun ni iris en la lernejon. Tie ĉi ŝi salutis ĉujn infanojn kaj poste ŝi vizitis niajn hejmojn kaj tranoktis ĉe la plej juna membro de nia Esperanto-Grupo Stephanie. Ŝi gastis ĉe ni du semajnojn. Ni bele amuziĝis kun ŝi. Ni kune ludis, kantis, dancis...

Sed dum ŝi estis ĉe ni en Kroatio, okazis akcidento en Rovaniemi. La nanoj malatente ludis sur la karuselo kaj la seĝo de Avo frosto falis sur unu el ili. Li devis enhospitaliĝi. La nanoj, helpantoj de Avo frosto, estis tre ekscititaj. Ili rapidis tra la urbo kaj ne sciis kion fari. Ĉio misis. Eĉ la flughoraro per kiu Avo Frosto devis de Zagrebo reveni al Finnlando. Iu devis sciigi nin. Oni telefonis al nia lernejo, sed nia sinjoro pedagogo estis tre okupata pro la laboroj pri gelernantoj kaj ne povis tuj transpreni la telefonan mesaĝon. Kiam li liberiĝis, li telefonis al la nanoj en Finnlando kaj poste al ni kun instrukcio ke Neĝinjo devas tuj forveturi. Ŝi ekrapidis al la flughaveno sed ne alvenis ĝustatempe. La aviadilo jam forflugis. Ŝi ekploris. Sur ŝia blanka vizaĝo larmoj ruliĝis kiel perloj. Ŝi devis travintri ĉe ni. Sed baldaŭ alvenis printempo kun sia bela vetero kaj floroj. Neĝinjo suferis pro varmo. Ni prenis grandan fridigilon kaj en ĝi metis liton por ŝi. Ni metis fridigilojn en la domon por ke ŝi fartu freŝe. Somere ŝi multe suferis. Eĉ 50 ventoliloj ne sufiĉis por helpi al ŝi. Kiam ni ricevis fakturon por la kurento, ni vidis ke ni devas pagi 2500,40 kunaojn. Tio estis terure multe da mono. Sed ne gravas. Ni volis fari ĉion kion ni povis por Neĝinjo.

Dum la somera feriado la tagoj estis terure varmaj. Ni enŝaltis 70 ventolilojn, sed nenio helpis. Neĝinjo timis eliri el sia lito en la fridigilo. Ni eĉ ne veturis al la maro por ne lasi ŝin sola, ke ŝi ne timu. La somero estis por ŝi terura tempo, kvankam ni konstante aĉetadis glaciaĵon. En la aŭtuno jam estis pli bone. Ŝi eliris el la fridigilo kaj promenadis tra la loĝejo. Tiam ŝi jam povis ludi kaj amuziĝi kun ni.

Kiam ree vintris, ŝi jam fartis pli bone. En novembro telefonis Avo Frosto kaj interesiĝis pri ŝi. Li promesis ke li revenos en decembro. Kaj vere, antaŭ Kristnasko denove en nian flughavenon alflugis la aviadilo en kiu estis li.


Fotis Željko Gubijan

Kiam Neĝinjo vidis lin, ŝi tuj alkuris al lia ĉirkaŭbrako. Ili ambaŭ ploris pro ĝojo. Avo Frosto feliĉis ke li sukcesis travivi tutan jaron en nia lando. Li jam sciis ke ni faris ĉion eblan por ke ŝi fartu bone en nia varma suda lando. Li dankis al ni tiel, ke li plenumis ĉiujn niajn dezirojn.

Kiam Neĝulino eniris ilian aviadilon por reveni hejmen, ni ĉiuj ploris, kvankam ni estis feliĉaj ĉar ŝi revenas al sia lando, en kiu ŝi estos pli feliĉa ol ĉe ni. Ni promesis unu al la alia ke ni restos en la kontakto.

*Stephanie Strunjak*
*Esperantigis Spomenka Štimec*

# ESPERANTISTOJ KARNAVALIS EN RIJEKA

Ĉi-jare, jam la sesan fojon laŭvice la **Esperanto-Maskerada Kompanio "Paždroć" el Rijeka, Kroatio**, partoprenis **La Internacian Karnavalan Paradon** en **Rijeka** la 19an de februaro 2012. La karnavalo estas unu el la plej konataj en Kroatio kaj Eŭropo. En la karnavala parado de maskiĝintaj grupoj partoprenis preskaŭ 100 grupoj kun ĉirkaŭ 8.000 partoprenantoj. La parado de maskoj daŭris pli ol 7 horoj. La paradon spektis ĉirkaŭ 100 mil spektantoj. Per sia maskerada kompanio **Esperanto Societo Rijeka** prezentis sin al vasta publiko. La kompanio ĉi-jare elektis apartan nomon **"BOMBONJERA"** (bonbonujo) por prezenti sin en la karnavalo. La kompanio en la karnevala parado nombris 30 maskitojn kaj havis alegorian veturilon. Sur la ĉaro oni imitis grandan bombonujn. La nomo de la grupo **"Esperanto Kompanio Paždroć"** estis klare videbla sur la malantaŭa flanko de la veturilo kaj la grupo per esperanta anonco estis menciata je kontrol-punktoj por publiko. Sur la ĉaro estis ankaŭ pendigita Esperanto flago. La karnavala grupo konsistis el esperantistoj, neesperantistoj, anoj de la loka itala minoritato kaj esperantistinoj el Zagreb kaj Karlovac. Oni intencas venontjare plilarĝigi la grupon kun alilandaj esperantistoj.

*V. Morankić*

# KONFERENCO EN TRIESTO

**Kia estus Eŭropo, se ne ekzistus Eŭropa Unio?** Tio estas la ĉeftemo de la konferenco organizata de **Eŭropa Esperanta Unio** (kies sekretario estas **Zlatko Tišjar** en **Kroatio**). La konferencon gastigas **Triesta Esperanto-Asocio** de la 9a ĝis la 11a de majo 2012. **Asocio por eŭropa konscio** el **Velika Gorica** estas la kroata partnero de la konferenco. La lingvoj de la konferenco estas la angla, itala kaj Esperanto. La ĉefaj organizantoj estas **Maja Tišljar** kaj **Zlatko Tišljar**.

La konferenco celas klerigi unavide studentojn de ĵurnalistiko el pluraj EU-landoj. **Fakultato** el **Zadar** direktas 15 siajn studentojn kun la profesoro **Stjepan Malović** al la konferenco. La Politika fakultato el Zagrebo sendas 7 siajn studentojn kun profesorino **Gordana Vilović**. Tie eblos aŭskulti plurajn eminentajn prelegantojn, interalie la eksajn prezidentojn **Milan Kučan** el **Slovenio** kaj **Stjepan Mesić** el **Kroatio**, sed ankaŭ plurajn gravajn universitatajn profesorojn kia estas **François Grin**, famiĝinta pro sia **Raporto Grin** pri la situacio kaj kostoj de la lingvolernado en Eŭropo.

**Studenta Esperanto-Klubo** el **Zagrebo** partoprenos en la konferenco per du studentoj, studento pri sociologio **Mihovil Gotal**, studentino pri antropologio **Deana Banić-Križaj**, studento pri ekonomio **David Rey Hudeček** kaj pedagogino **Katarina Savić**. La konferencon partoprenos ankaŭ kroataj ĵurnalistinoj kiuj en la lastaj monatoj publikigis intervjuon pri Esperanto: **Marina Damian, Matea Miljan** kaj **Josipa Peradenić**.

*Z. Tišljar*

# NEKROLOGOJ

## STEPHANIE STRUNJAK (1990–2012)

**Stephanie Strunjak**, la knabino kiu kun granda sukceso partoprenis en literatura konkurso **"Fabelo Internacia"** en **Finnlando** en la jaroj 2000-2002 kaj gajnis premiojn por siaj neĝetosaj fabeloj, pereis en aŭtoakcidento la 11an de februaro 2012 en Zagrebo. Ŝi aĝis 22 jarojn. Kun ŝi pereis ankaŭ ŝia amiko Ivan. Ŝi elstaris en la lastaj jaroj kiel studentino pri filozofio kaj gajnis rekonojn pro siaj filozofiaj lertoj, interalie en la rumana urbo Iasi. Ŝia premiita novelo **"Kiel formikbebo savis formikejon kaj konatiĝis kun Avo frosto"** estis publikigita en **Tempo** en decembra numero 2002. Por memori ŝin, kaj ŝian fantazion, ni publikigas ŝian novelon "**Neĝa reĝino**".

*S. Š.*


*Stephani kun geamikoj en Finnlando.*
Fotis Koillissanomat



## RATIMIR METZ (1917–2011)

Li naskiĝs la 17an de majo en 1917 en **Varaždin**. Lernis Esperanton ĉe esperantlingva poeto, juristo **Božidar Vančik**. Estinte agronomo li postenis en Vinkovci, Županja, Osijek, Slavonski Brod, Vrbovec kaj Varaždin kie li aktivis en la loka Esperanto-Klubo. Kiam li en 1958 specialiĝis en Hago pri agronomio, dum iu promeno altiris lin tabuleto sur ies domo ***Esperanto parolata***. Li ekfrapis. Afabla gastigo instigis lin revene pli forte okupiĝi pri Esperanto. El tio sekvis instigo ke ankaŭ liaj tri filinoj **Gordana, Zdravka** kaj **Smiljka** lernis Esperanton. Kun sia kanada bofilo **Normando Fleury** kaj la genepoj **Damir** kaj **Mira**, li uzis Esperanton. Li mortis en decembro 2011 kaj estis enteregita en la tombejo de Varaždin.

*Zdravka Metz*

## DAMIR RAK (1961–2011)

En Rijeka fine de 2011 forpasis **Damir Rak**, esperantisto kaj membro de **Esperanto Societo** en **Rijeka**. Li naskiĝis la 1-an de novembro 1961 en **Rijeka**. Li estis instruisto kaj defektologo, posteninta en lernejoj en Rijeka. En Pedagogia akademio en **Ljubljana** li diplomiĝis kiel diplomita instruisto de Esperanto. Ekde 1985 li laboris kiel maristo kaj poste kiel defektologo en Elementa lernejo **Kantrida** en **Rijeka**. Esperanton li eklernis en 1979 kaj de tiam aktivis en Kultur-arta esperantista Societo **A. Š. Turković** (nun **Esperanto Societo Rijeka**). Dum pluraj jaroj li membris en prezidantaro de Esperanto- Societo kie li ankaŭ sekretariis. En **Sporta Societo Esperanto** en **Rijeka** li aktivis en Ŝakklubo **Esperanto** de 1970 ĝis 1990 kaj membris en ties Prezidantaro. Li gvidis plurajn Esperanto-kursojn en la societo kaj en Elementa lernejo **Fran Pazarić Bobi** (de 1986 ĝis 1988) en **Rijeka**. Li estis kunfondinto de Esperanto-gazeto **Heliko** eldonita de **Esperanto Societo** en **Rijeka** (1981-2003). Li ĉefredaktoris **Helikon** aperiginte plurajn artikolojn de ĵurnalisto **Radoslav Škalamera**, gravegajn por ekkono de historio de la internacia lingvo en **Rijeka** kaj la ĉirkaŭaĵo komence de la 20a jarcento.

**Damir Rak** estis homo de idealoj kaj fidela esperantisto ĝis sia forpaso.

*V. M.*



## MIRJANA ŽEŽELJ (1949 - 2011)

**Mirjana Žeželj** naskiĝis kiel **Mirjana Stipčević** en **Delnice** la 28an de majo 1949. Esperanton ŝi lernis en gimnazio en **Varaždin** ĉe sia matematikinstruistino **Zdenka Ivek** en 1967. Dum ŝi studis ekonomikon, ŝi aktivis en **Studenta Esperanto-Klubo**, kiel membro de **Drama Grupo** kaj kiel instruistino de Esperanto. Kiel diplomita ekonomisto ŝi laboris en pluraj institucioj de **Servo de Socia Librotenado**. Dum la milito ŝi en sia firmao trovis financajn rimedojn por unu numero de **Tempo**. Ŝi membris en **UEA** kaj agadis en **Esperanto-Societo Bude Borjan**, kie ŝi estis ano de la Prezidantaro. Ŝi kontribuis tradukojn por poemaro **En tiu terura momento**. Kroatigis la romanon de S. Štimec **Ombro sur interna pejzaĝo**. Ŝi partoprenis en multaj Universalaj Kongresoj de Esperanto, laste en **Kopenhago** 2011.

Ŝi mortis la 6an de decembro 2011 post nelonga malsano.

*S. Š.*

# LA AMIKO DE KAFKA
## (romano)

1.

La malvarma vento de Vltava enpuŝiĝis en iliajn ostojn. Promenante tra Vyŝehrad, el la altaĵo ili observis Prahan.

La junaj studentoj similis al tro frue maturiĝintaj knaboj, kiuj malgraŭ malekzisto de vivosperto sukcese aktoris maturecon.

Ili konatiĝis pasintan aŭtunon en Legejo de germanaj studentoj kaj de tiam ili estis neseparеblaj.

La avara printempa suno reflektiĝis de la marmoraj tomboŝtonoj, kiujn ili preterpasis. Proksimeco de la tombejo kie estas enterigitaj famuloj el la pasintaj tempoj ŝajnis grave kontribui al ilia interparolo.

- Ĉiu verkita libro estas reflekto de la vivo kiun vivis ĝia aŭtoro – diris Max.

- Ĉio kio estas skribita, estas elpensita. La realo ne cedas al vortoj – respondis Franz.

Tio estis en la jaro 1903.

2.

Max posedis plurajn talentojn.

Li ŝatis muziki, komponi, verki rakontojn, gazetartikolojn, konkuri en oratorado... La amaso de liaj interesoj konfuzis ankaŭ lin mem. Kvazaŭ pro ĉio ĉi li pli malfacile povis konstati kio li deziras fariĝi en la nebulsombra estonteco.

La vasteco de lia instruiteco estis senduba. Per siaj respondoj li ofte mirigis la profesorojn. Sed malgraŭ tio, la junulo sentis ke lia nur unu jaron pli aĝa amiko Franz havas pli fortajn starpunktojn ol li.

La fragila korpo de Franz estis azilo por sciavidmenso kaj impresebla individueco, kiun Max sincere admiris.

La pensoj de Franz estis ĉiam klaraj kaj sugestie esprimitaj. Neniam li elbuŝigis alies frazojn. Li ne manipulis pri vortoj.

Por supraĵa observanto Franz estis nesocietema, nestabila junulo, nepreta por praktika vivo.

Por Max li estis persono posedanta sian propran mondon por kiu la ekstera realo prezentis nur ĝenon.

Literaturo kunligis ilin. La pasiaj junaj legantoj sekrete revis pri tagoj kiam ili fariĝos verkistoj. Skribante unuajn mallongajn rakontojn, ili malkovradis la belecon de kreado.

Laŭdaj vortoj de la plej proksima amiko tiutempe montris providencan signifon.




3.

Ili estis judoj.

Max kredis, Franz dubis.

Max sentis ke li estis elektita por granda spirita vojaĝo, Franz sentis sin forlasita.

Iliaj interparoloj pri Dio kaj religio nemalofte finiĝis per reciproka miskompreno. Tio estis la kialo kial ili evitis tiun temon.

Kiam post longa tempo ili tamen revenis al ĝi, ili faris tion simile al papilioj, kiuj ne kapablas rezisti la altiran potencon de la pereiga lampo.

La patro de Franz, Hermann Kafka estis grandnegocisto. La filo lin aŭdis foje al iu aĉetanto paroli ke li estas germano, al alia ke li estas ĉeho, kaj al la tria ke li estas judo.

Al ĉiuj li parolis tion kion ili deziris aŭdi. La konsekvenco de tio estis ke lia filo ne kapablis respondi al si je la demando kiu li fakte estas.

4.

Max pli ofte vizitadis la domon de Franz. Julija, la patrino de la amiko, kaj la patro Hermann, tuj post la konatiĝo, montris al li ke li estas bonvena.

La junulo estis el bonstata familio. Ĉiam konsiderema ĉe interrilatoj, facile li akiradis simpatiojn de homoj.

Franz havis tri fratinojn: Gabrielle, Valerie kaj Ottilie. Ili estis ankoraŭ infanoj, nur la plej aĝa el ili estis sojle de fraŭliniĝo. Ili ne partoprenis la konversaciojn de plenkreskuloj. Dum tagmanĝoj ili devis silenti.

La patro malofte alparolis Franzon. Li ne konsideris la opinion de la filo. Por li Franz estis infano kiu rifuzas plenkreski kaj transpreni respondecon.

Li sciis ke lia filo abomenas la studojn de juro, al kiuj li lin tre malfacile persvadis.

En la okuloj de la severa negocisto, Max estis ideala bildo de respondeca kaj ekvilibra junulo kiun antaŭstaris prospera estonteco. Li bedaŭris, ke ankaŭ lia nestabila filo ne similas al Max.

5.

Dum paŭzo inter la prelegoj kelkaj studentoj troviĝis en la aŭlo de la fakultato.

Ernst fanfaronis ke la antaŭan nokton li estis en bordelo kun la plej pasia hetajro kiun li renkontis en la vivo.

- Se iu el vi deziras, mi povas konatigi vin al ŝi – li proponis al la kolegoj.

Franz ruĝiĝis.

Max mallevis la rigardon.

Ili estis senspertaj. Ili hontis konfesi tion.

6.

Se Franz estus havinta fraton, ilia amikeco aspektus alie.

Sed nun Max havis duoblan taskon en lia vivo.

Li anstataŭis al li neekzistantan personon. Neinformitaj vizitantoj kiuj okaze ĉeestis en la domo de Kafka, sendube opiniis ke ankaŭ Max estas ano de la familio.

7.

Kiam li tralegis la unuajn rakontojn de Franz, li estis entuziasmigita.

La frazoj de Kafka konstruis iun novan mondon, kiun al li konata literaturo ĝis tiam ne priskribis.

Li vane klopodis persvadi lin publikigi tiujn verkojn.

Franz dubis pri siaj tekstoj samintence kiom Max fidis al ili.

- Eble morgaŭ mi elcerbumos frazon kiu donos novan signifon al la rakonto. Prefere ne urĝi pri publikigo – li defendis sin singarde kontraŭ la klopodoj de Max eksponi lian fantazion al la publika opinio.

8.

Mi kredis ke verkante mi dispelos miajn demonojn. Nun mi scias, ke verkante mi neintence ilin vivigas kaj altiras- diris Franz post sendorma nokto dum kiu ekestis lia rakonto.

Per tremante mano li klopodis de sia frunto forigi hartufon kiu ne obeis lin.

Lia vizaĝo aspektis elĉerpita, sur ĝi distingiĝis malhelaj bluringoj.

Max kredis la eldirintajn vortojn.

Li ne kuraĝis konfesi ke li ĝuas verkante kaj ke dum la momentoj de inspiro liaj demonoj ne obsedas lin.

Li estis konvinkita ke Franz diferenciĝas de la aliaj homoj kiuj paŝas tra ĉi tiu mondo kaj ke estus nekonvene esti komparata kun li.

9.

Ili ekskursis. Franz, liaj gepatroj, ĉiuj tri fratinoj kaj Max.

Dum la studentoj grimpis la monteton, Julija kaj Hermann, restinte kun la knabinoj sub la arbokrono de granda juglandarbo, postrigardis ilin.

- Tre saĝas ili, ili du !- diris Julija kun kromsono de admira en la voĉo.

- Se oni deprenus la librojn kiujn ili tralegis, nenio postrestus en tiuj kapoj – asertis Hermann.

- Kiu vin malhelpas ke ankaŭ vi legu?- spite rebatis la edzino.

- Se mi legus, kiu laborus, kiu nutrus la familion ?

Julija estis eksterorde diligenta kaj fidinda virino. Ŝi helpis al la edzo gvidi la negocojn. Neniu kontrakto, neniu fakturo povis esti subskribita sen ŝia kontrolo.

Ŝi kontrolis du oficistojn, kiuj por ili enlistigis la varojn kiuj eniris kaj eliris el la magazeno.

Hermann povis esti trankvila, ĉar fine de ĉiu tago, semajno kaj monato li havis precizan superrigardon pri siaj financoj. Li ludis grandan negociston, sciante ke la plej delikatajn ordinarajn laborojn faros lia edzino.

Krom tio, Julija gvidis ankaŭ la hejman mastrumadon. Ili havis kuiristinon kaj servistinon, al kiuj ĉiumatene per malmultaj vortoj ŝi difinis la taskojn.

Ili estimis ŝin kiel justan kaj honestan mastrinon kiu klare esprimas siajn postulojn al la subuloj.

Post bone plenumita laboro ŝi komprenigis al ili ke ŝi estimas ilian laboron.

En la domo de la familio Löwy, el kiu Julija devenis, amo al arto kaj libroj estis io subkomprenata.

Rafinita konduko kaj aspiro al klerigo kaj sciakiro rigardataj kiel dezirindaj celoj.

En ilia hejmo la voĉo ne estis plialtigata. La homojn oni estimis laŭ tio kio ili estas, ne laŭ tio kion posedas.

Kontraŭe al tio, Hermann havis modestan devenon. Lia patro estis buĉisto. Ĉe ili la mono estis pli taksata, ĉar ĝi malpli abundis. Kiam ili riĉiĝis, nenio ŝanĝiĝis.

Ilia traktado restis vulgara, ili restis nefidemaj al ĉiuj kaj konstante zorgantaj pri tio kion ili posedas.

Antaŭ la infanoj Hermann emis akcentadi, ke dum la junaĝo li vivis malfacile kaj ke per peniga laboro li akiris la pozicion en la socio kiun li nun okupas, kaj pri kiu li fieras.

Julija sciis ke la vero iom malsamas kaj ke Hermann neniam fariĝus sukcesa negocisto se lia patro per sia buĉista metio ne estus prizorginta sufiĉe da mono kiu al li ebligis eniri la riskan negocistan okupon.

La Kafkoj devenis el Osek ĉe Strakonice en suda Ĉeĥio. Ilia translokiĝo al Praha, en la familiaj rakontoj estis priskribita kiel kuraĝa ago por proksimiĝi al la mondo de grandurbo, kiu ĝis tiam al ili estis neatingebla.

Antaŭ la aliaj Julija klopodis lasi impreson de milda, obeema edzino, kiu respektas sian edzon.

Kiam ili restis solaj, ŝi ne rezistis esprimi sian intelektan superecon kaj montri kia fakte estas Hermann en ŝiaj okuloj.

Kiom ajn ŝia edzo antaŭ ĉiuj estis orgojla kaj inklina al fanfaronado, en la profundo de sia animo li sciis, ke Julija posedas pli grandajn sciojn kaj pli ĝustajn pritaksojn ol li, eĉ en la negoca kampo. Pro tio neniun pli gravan aferan decidon li faris sen konsultiĝo kun sia edzino.

(Fragmento)

*Miro Gavran*
*Esperantigis Lucija Borčić*

# KONKURSO DE LITERATURAJ RECENZOJ

En 2012 la ruslanda eldonejo Impeto festos sian 20jariĝon. Dum tiu tempo la eldonejo publikigis 129 librojn en kaj pri Esperanto. Por festi sian jubileon la eldonejo invitis recenzintojn partopreni en konkurso de literaturaj recenzoj. **Zdravko Seleš** el **Đurđevac** akceptis la defion, konkursante kun sia recenzo pri la verko de **Mikaelo Bronŝtejn**.

La plej bona recenzo elektota de la legantoj kaj la aŭtoroj gajnos cent eŭroj.

*M.B.*

# KURSOJ DE ESPERANTO 2012

**En Sisak**
- Josip Pleadin instruis dum la ekspresa kurso de la 9a ĝis la 15a de januaro 2012

**En Zagrebo**
- Marija Jerković instruas en Elementa lernejo Mladost
- Judita Rey Hudeček instruas en Elementa lernejo Retkovec
- Đivo Pulitika gvidas komencantan kaj progresigan kurson por studentoj en Studenta Esperanto-Klubo
- Spomenka Štimec gvidis progresigan kurson ĝis majo por 5 kursanoj en la ejo de KEL



*Filip kaj Laura Šeatović lernas Esperanton en Zaprešić.*
Fotis Dalibor Šeatović

**En Zaprešić**
- Dalibor Šeatović gvidas hejman Esperanto-kurson por siaj du infanoj Filip kaj Laura

En **Đurđevac**
- Zdravko Seleš gvidas kurson en gimanzio Đurđevac

**En Rijeka**
- Vjekoslav Morankić gvidas progresigan kurson por unu persono.

# KONGRESOJ KAJ KONFERENCOJ VIZITINDAJ EN 2012

**Kontaktadresoj de Kroata Esperanto-Ligo (KEL):**
Kneza Mislava 11, HR-10000 ZAGREB
Tel: ++385(0) 1 4617550
Faksilo: ++385(0)1 461 9373
esperanto@zg.t-com.hr
www.esperanto.hr

*19a - 25a de majo*
**64a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso** en Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, Germanio. **Inf.**: *Germana Esperanto-Centro/Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg am Harz, Grubenhagenstr. 6; Tel:+49/(0)5521-5983, rete: esperanto-zentrum@web.de* kaj *Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, Mihanovićeva 12. 10000 Zagreb, zlatko.hinst@hznet.hr*

*9a -11a de majo*
**Internacia konferenco en Triesto "Kia estus Eŭropo nun se ne ekzistus EU". Inf.** *Eŭropa Esperanto-Unio; Zlatko Tišljar ztisljar@gmail.com*



*18a – 20a de majo*
**Pokalo Kostrena.** Kroata konkurso pri scio de Esperanto por lernantoj el elementaj kaj mezaj lernejoj. **Inf.**: *Kroata Esperanto-Ligo , Kneza Mislava 11, 10000 ZAGREB, Tel: 01 461 7550, Faksilo: 01 4619373, rete esperanto@zg.htnet.hr kaj esperanto.rijeka@ri.htnet.hr*

*26a de majo*
**Meteorita festo** en Hrašćina-Trgovišće (Bieno de Spomenka Štimec) **Inf.** ĉe KEL.




*22a - 24a de junio*
**10a Kongreso de kroataj esperantistoj**, Koprivnica, Kroatio. Jubilea landa kongreso. **Inf.**: *Kroata Esperanto-Ligo* kaj *Dokumenta Esperanto-Centro, DEC, p.p. 79, HR-48350 Đurđevac, Kroatio.* **Rete**: *kroata.kongreso@gmail.com*

*14a - 11a de julio*
**65a IKUE Kongreso** en Pécs, Hungario. **Inf.**: http://www.ikue.org/kong2012/index.htm; kongres@ikue.org




*16a - 20a de julio*
**Eŭropa Esperanto-Kongreso** en Galivo, Irlando. 9-a kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio. **Inf.**: *Eŭropa Esperanto-Unio* kaj *KEL*

*20-a - 26a de julio*
**45-a ILEI-Konferenco** en Kunming, Ĉinio. **Inf.**: *mjerkovic@net.hr*

*28a de julio - 4a de aŭgusto*
**97-a Universala Kongreso de Esperanto** en Hanojo, Vjetnamio. **Inf.**: *LKK de 97-a UK, NL-3015 BJ Rotterdam, Nieuwe Binnenweg 176, Nederlando. tel.: +31-10-436-1751, uea@co.uea.org* kaj *KEL*

La 97-a UK
HANOJO-VJETNAMIO




*5a - 11a de aŭgusto*
**68a Internacia Junulara Kongreso** en Hanojo, Vjetnamio. **Inf.**: http://ijk-68.hanojo.org/index.php

*31a de julio – 5a de aŭgusto*
**4-a boatado sur la rivero Kupa.** Karlovac - Sisak. **Inf.**: *Srećko Radulović 0992433352*

*5a - 12a de aŭgusto*
**68a Internacia Junulara Kongreso** en Tenri, Japanio. **Inf.**: *Japana Esperanto-Junularo* kaj *KEL*




*11a – 18a de aŭgusto*
**85a SAT-Kongreso** en Jalta, Ukrainio. **Inf.**: *85-a SAT-Kongreso, http://jalta.retejo.info*

*14a – 16a de septembro*
**Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj kaj tradukistoj**, Hrašćina Trgovišće, Bieno de Spomenka Štimec. **Inf**: ĉe *KEL*

**En la mondo en 2012 okazos pli ol 200 kongresoj, konferencoj kaj renkontiĝoj kie la sola laborlingvo estos Esperanto. Plena kalendaro de Esperanto-aranĝoj en 2012 videblas ĉe: *http://www.eventoj.hu***





*Esperanto-Maskerada Kompanio "Paždroć" dum la karnevalo en Rijeka la 19an de februaro 2012.*

Fotis V. Morankić